


N-ro 39 | 1977/4 Decembro | Oka jaro

---

## Informilo de la unuiĝintaj ELF – AREK – Kluboj

ELF: Esperanto Ligo Filatelista
AREK: Amika Rondo de Esperantaĵ – Kolektantoj

---

### 1887 – 1977
### ESPERANTO





















## La redaktoro dankas

kore kaj sincere pro alsendo de kontribuaĵoj por nia informilo al niaj karaj kaj estimataj geamikoj

| | |
|---|---|
| S-ino Vincent | en Francio |
| S-ro Radnai | en Hungarlando |
| S-ro Wluka | en Fed. Resp. Germanio |
| S-ro Biesiada | en Pollando |
| S-ro Gimelli | en Italio |
| S-ro Vana | en CSSR |
| S-ro Dalet | en Francio |
| S-ro Hasala | en CSSR |
| S-ro Heimlich | en Fed. Resp. Germanio |
| S-ro Hirsch | en Fed. Resp. Germanio |
| S-ro Molera | en Hispanio |
| S-ro Kuijpers | en Nederlando |
| S-ro Lindström | en Svedio |

## Karaj geamikoj,

dum mia ĉi-jara feriovojaĝo pere de mia "auto" TRABANT mi gastis ankaŭ ĉe niaj Vana kaj Hasala en CSSR kaj ĉe Radnai en Hungario. Kun ĉiuj tri geamikoj mi vigle spertinterŝanĝis kaj travivis tre agrablajn horojn. Tial ĉi-loke mi dezirus esprimi al ili mian elkoran dankon pro la al ni montrita gastamo. Elkoran dankon ankaŭ al iliaj karaj toleremaj edzinoj!

Tre malafable min renkontis la fiŝaro en tiuj landoj, ĉar ili tute ne estimis miajn klopodojn elakvigi ilin.

Agrable kaj fruktedona estis miaj "fulmvizitoj" en Abaliget kaj Lanĉov, kie mi i.a. renkontis la amikojn Zsolt el Gyula kaj Kosieniak el Varsovio.

Nun mi jam delonge denove estas hejme. Hodiau, la 6an de Oktobro mi redaktofinas ĉi informilon, kiu esperebIe denove trovos vian konsenton.

Esperante, ke sekvontjare ni ĉiuj denove estos kune en nia klubo, kore kaj sincere mi salutas vin ĉiujn!

*Via redaktoro Rudolf Burmeister*

## Sinjoro Amouroux koncerne la "teksaĵstampon"

atentigas pri artikolo aperinta en "La Interligilo"-n-ro nov-dec 1935 kiu tekstas jene:

"... 1934 s-ro Saget, Elbeuf klopodis enkonduki uzadon de E por reklama teksto en poŝta stampilo. La poŝtestro de Elbeuf kaj la direktoro de Rouen aprobis lian proponon kaj tial li eĉ jam farigis la stampilon ... Sed ĝenerala p.-direkcio en Parizo ne permesis ĝian uzadon. La teksto de stampilo estis: TEKSAJOJ POR VIRINOJ KAJ FAME KONATAJ DRAPOJ ...

Amouroux aldonas, ke "notinda, ke Saget ĉiam havis la saĝecon kaj honestecon, ne ĝin prezenti kiel "filatelaĵon". Ĉiam mankas la dato kaj la stampaĵo troviĝas dorse de kovertoj aŭ kartoj, sen nuligpovo."

Plene mi konsentas kun Amouroux kaj dankas pro lia sciigo.

*RB*




## SOCFILEKS – 1977
## Berlin-GDR / 19–28.8.1977

Tiu ĉi fila-ekspo de la socialismaj landoj, ĉi-jare preparita de la Filatela Ligo en Kulturligo de GDR, ankaŭ havis sian E-standon.

La ekspo-estraro disponigis tiucele 6 ekspo-kadrojn, kie trovis lokon parto el la kolekto de Rudolf Burmeister (72 folioj) kaj grandformataj fotokopioj pri E-pm. Krome en vitroŝrankoj prezentiĝis efika inform-materialo pri la planlingvo Esperanto.

Menciendas, ke nia E-sekcio estis sola reprezentanto el eksterfilatelaj medioj kaj tio trovis sian eĥon en la filatela gazetaro de GDR.

Kun plezuro mi povis konstati, ke en la konkura klaso troviĝis ankaŭ E-ekspozaĵo de Mikulski el Pollando. Tiu ĉi ekspozaĵo per kronologia vico sur 72 folioj prezentis E-filatelaĵojn.

Al ĉiuj niaj ekspozantoj mi varme rekomendas foje viziti iun altrangan ekspozicion kaj tie rigardi kaj studi manieron de la preparado de du-tri plej bonaj fila-ekspozaĵoj.

## Surprizo el ne-esperantista medio

Tre agrable min surprizis la sciigo de nia kara membro Wluka, ke la mondfama entrepreno BALZER produktas ekde 1976 du novajn tipojn de ringumitaj teleskopaj kanoj por la fiŝhokado sub la nomo ESPERANTO en entute 7 variaĵoj. Temas pri luksaj kaj altkvalitaj kanoj por plej postulemaj fiŝhokistoj.

Sendube nun la ŝancoj de la fiŝhokistoj kreskas por kapti grandegajn fiŝojn, ĉar ESPERANTO estas alloga kaj interligilo. (Inter fiŝo k hokisto)

Fanatika kaj senkompromisa kolektanto de esperantaĵoj devus elspezi entute 710.– gmk por akiri tiujn 7 variaĵojn.

Entute: Bona propagando por Esperanto, ĉar en ĉiuj fakaj katalogoj tiuj kanoj estas menciataj, kaj eble la ESPERANTO-kanoj estas ankau bona reklamo por la BALZER-entrepreno.



*Fiŝhokisto Burmeister*

---

**Anonco**

Mi kolektas ĉiuspecajn stampojn kaj poŝtoficialajn tutaĵojn pri: muziko kaj folkloro, ŝakludo kaj olimpaj ludoj, biciklaj konkuroj kaj aviado, festivaloj kaj trafiko, sporto. Diskonigu tion inter viaj konatuloj!
*Evaristo Gil Pallares, Apartado 875, Barcelona, Hispanio*

Mi kolektas esperantajn glumarkojn kaj kartmaksimumojn pri la temo "arto".
*S-ro Viktoras Baniulaitis, USSR 235800 Klaipeda ab. d. 168, Litova SSR, Sovetunio*

**Esperantoj-ŝlosiloj:** Mi serĉas liston pri eldonitaj ŝlosiloj; volonte korespondas pri ev. interŝanĝado aŭ aĉetado de mankantaj.
*Anna-Greta Strönne, Amiralsg. 36, S-211 55 Malmö, Svedujo*

## Interesa trovitaĵo!

Nia amiko Vana en Plzen donis al mi informon pri sube montrita poŝtaĵo, kiu surhavas stampon (ĉu poŝtan?) kun teksto pri la XII-a UK de Esp.-o en Hago, 8–14 Aug. 1920.

El poŝta stampo, kiu nuligas la pm, oni vidas, ke la poŝtkarto estis forsendita 9.8.20 el Hago. Do, rekte el la kongresa urbo.

Nia hungara amiko Radnai afable pretigis fotokopion kaj ĝin disponigis al mi. Tiel nun mi povas prezenti la tuton pere de nia informilo al tuta nia membraro por studi tiun problemon.



POŜTOFICEJO
DE LA
XIIa ESPERANTO
KONGRESO.
HAGO. 8—14 Aŭg. 19[illegible]

Fakto estas, ke en tiu stampo ankaŭ troviĝas la ŝtata blazono de Nederlando.

Verŝajne tiu ĉi stampo estas vere poŝta, sed kiu hodiaŭ ankoraŭ tutcerte povas diri ion pri tio?

BRIEFKAART.
(CARTE. POSTALE).
Algemeene Postvereeniging (Union postale universelle).



Maminko zasílám Ti srdečný pozdrav
Z.



POŜTOFICEJO
DE LA
XIIa ESPERANTO
KONGRESO.
HAGO. 8—14 Aŭg. 19[illegible]

Afzender: Blažek Zdeněk
naam
adres

Uitg. B. Sjouké, Scheveningen.

Nc. 128.

Paní
Ludmila Blažková
choť kont. [illegible] stát. drah v. v.
v Müllerova 266.
Olomouc
Česko-slovensko
republika

## "Eŭropa Esperanto Kongreso" – 1977

En la federacigermana Paderborn okazis de la 27a – 31a de majo 1977 "Europa Esperanto Kongreso". Fakte temis nur pri trilanda kongreso, ĉar oficiale apogis ĝin la landaj E-Asocioj de Luksemburgo, Nederlando kaj Germana Federacia Respubliko. Partoprenis ĝin 320 esperantistoj el 9 landoj.

La Germana Esperanto Kongreso de FRG okazas ĉiu – jare dum la Pentekostaj tagoj en alia urbo de la FRG. En la nuna jaro kunvenis samtempe tri landaj asocioj kaj nomis tiun kongreson "EEK".

Funkciis poŝtgiĉeto en la kongresejo (Paderhalle) sabate, la 28an de majo inter 12a kaj 18.30a horo kaj dimanĉe, la 29an de majo inter la 10a k 14a horo. Tial porokazaj poŝtostampoj povas havi la datojn 28.5 kaj 29.5.1977.

La venonta Germana Esperanto Kongreso de FRG okazos dum Pentekosto 1978 en Augsburg.

*Wluka*

## 25 jaroj Somera Esperanto Tendaro Lanĉov

Paroprenis pli ol 250 personoj la du etapojn de la Somera Esperanto Tendaro 1977 en Lanĉov.

Por suvenirigi poŝtaĵojn la estraro disponigis kaŭĉukan nepoŝtan stampilon. Plue estis haveblaj specialaj ĉapoj kun okulfrapa surskribo ESPERANTO TENDARO LANCOV, bildkartoj, insignoj. Tiuj kiuj dum pluraj tagoj malkrokodilis, ricevis la merit-insignon "Kastoro" en bronco, arĝento kaj en oro dum la ĉiumatenaj flagohisadoj.

Lanĉov estas forĝejo de novaj esperantistoj. Eksterlandanoj estas bonvenaj, se ili scipovas paroli Esperanton. El nia rondo ĉi-jare partoprenis amiko Zsolt el Gyula kaj mi dum nur du tagoj.

*RB*

## Hispanio 1 = stampo de la 14a SAT-kgr

En la ĝisnunaj informoj kaj sciigoj oni parolis pri stampo de "Laborista kongreso", kiun oni uzis dum junio 1934.

Kun nia membro Vana mi iom studis tiun stampon, kaj ni trovis, ke tiu stampo estis uzata pro la 14a kongreso de SAT, kiu okazis de la 3a ĝis la 8a de aŭgusto 1934 en la hispana urbo Valencia.

La posedaĵo de Vana havas la daton 30.7.1934. Partoprenis 376 personoj el 13 landoj.

*RB*

---

**Novaj membroj:**

| | |
|---|---|
| S-ro Viktoras Baniulaitis, | SU-235800 Klaipeda ab. d. 168 |
| S-ro Denes Antal, | H-5900 Oroshaza Veres Joszef ut. 27 |
| S-ro Antonio Molejon Ranon, | La Coruna, Av. de Finisterre 250-6, Hispanio |
| S-ro Angel Segura, | P. Poŝtkesto 175, Mex. Villahermosa, Tab. Meksikio |
| S-ro André Bourry, | 41 rue F. Coillard, F-18000 Asniers le Bourges |

## Ankaŭ Nederlando 13 kun diversaj datstampiloj

Komparinte kelkajn duoblaĵojn de NE 13 mi povis konstati, ke la memorigan stampon akompanas du normalaj datstampoj de la poŝtoficejoj UTRECHT 7 kaj 31. Ambaŭ datstampoj montras la daton de la malferma tago de la kongreso: 3.8.1968.

Stampkolektantoj: bonvolu kompari viajn duoblaĵojn, eble vi trovos pluajn variaĵojn. *RB*

## ABALIGET 1977

La jubilean 10an IREN en Abaliget partoprenis 160 gesamideanoj el 10 landoj.

Denove oni uzis en la vilaĝa poŝtejo la jam konatan specialan poŝtan stampilon.

Dum dutaga restado mi konstatis: Alloga programo, preskaŭ luksa tranoktado, samideana atmosfero, modestaj prezoj kaj idilia ĉirkaŭaĵo. *RB*

## PRAGA 1978 8–15a septembro

Kiel mi eksciis, ĝi okazos dum la unua duono de la monato Septembro 1978 en PRAHA, ĉefurbo de CSSR.

Al la planita kunveno de AREK-ELF ĝis nun aliĝis niaj membroj, Paulsson, Heimlich, Vana, Burmeister kaj Bartoŝik.

Sur la tagordo staras organizaj problemoj, plibonigo de la informado, trarigardo de la E-ekspozaĵoj kun klarigoj de la aŭtoroj en la konkura klaso de la tutmonda pm-ekspo, plibonigo de personaj kontaktoj.

Gemikoj! Pripensu, ĉu ne ankaŭ vi povus veni al la PRAGA 1978!



## Niaj novaj E-stampoj

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| JA | 21 | Tokio | 1977 27–28.8 | 64a nacia E-kgr |
| GFR | 29 | Paderborn | 1977 28–29.5 | Eŭropa E-kgr |
| GFR | 30 | Augsburg | 1977 30.7–5.8. | 50a SAT-kgr |
| FRA | 43 | Grenoble | 1977 1.3–31.5 | 69a nacia E-kgr |
| HI | 20 | Sabadell | 1977 21.7 | 37a nacia E-kgr |
| IS | 1 | Rejkjavik | 1977 2–5.8 | 62a UK |
| PO | 117 | Czestochowa | 1977 17–21.8 | 37a IKUE-kgr |
| JU | 25 | Ohrid | 1977 23.4 | 20 jaroj E-klubo |
| HU | 56 | Tatbanya | 1977 15.5 | 20 jaroj E-klubo |
| HU | 57 | Zsombo | 1977 15.5 | 9a E-pacrenkonto |
| HU | 58 | Gyula | 1977 3–9.7 | 15a SEU |
| HU | 59 | Abaliget | 1977 10–19.7 | 10a IREN |
| HU | 60 | H'vasarhely | 1977 20.7 | Medicina E-renk. |
| HU | 61 | Budapest | 1977 | 7a VEF |

## Nova E-poŝtstampa katalogo

Manuskripte jam estas preta nova eldono de katalogo pri poŝtaj E-stampoj kun nun entute 575 pozicioj el 31 (!) landoj.

Kompare al la 1974a eldono ĝi havos kelkajn ŝanĝojn kaj tiujn mi dezirus pridiskuti kun niaj E-filatelistoj.

BRA 4, 5, 7, 9 k 11 denove havos siajn dubo-signojn k mi persone opinias ilin nepoŝtaj.
BU 1 ricevis dubosignon k reduktiĝis nur al Plovdiv. La subnumero forfalos. Pluraj asertas, ke ĝi estas nepoŝta.
FRA havos subnumeron ankoraŭ nur ĉe 41 pro ĝia PP-stampo. Kapstaraj ds (datstampoj) en ms certe ne meritas subnumeron pro tiu unusola diferenco de punkto en ds de ms (maŝinstampo). Same mi rezignus ĉe 40 kun la H-diferenco en ds de ms. Tamen piednote mi atentigus pri ekzisto de tiaj aperaĵoj.
GRE: ĉiuj dubosignoj forfalos, kvankam la n-ro 1 (Retimnon) ankoraŭ ne pruvita, des pli, ĉar ĝi aspektas tre gumstampa.
JU pli k pli montriĝas problemhava. Mi persone opinias, ke senescepte ĉiuj verdaj estas de nepoŝta origino. Pri pluraj jam estas konate, ke la verda devenas el esperantistaj sta-kusenoj.
IT 12: perdos subnumerojn k ricevos konc. notojn kiel pri cif. ĉe AU.
PO 18 montriĝis privata stampilo. Tial PO 13 perdos sian subnumeron kaj la ĝisnuna 13-2 anstataŭos tekston de ĝisnuna 18a.
NE: 9.11, 13 k 14 estus diskutindaj pro uzo de div. datstampiloj.

Entute temas pri 14 tekst-paĝoj. Pripensinda, ĉu denove ĝin aperigi kiel "Plena Ilustrita", sed tio signifus, ke ĝi postulas konsiderinde pli da prepara tempo, kaj "majstra" la finprodukto do ne fariĝus, ĉar ni ja ne estas presistoj au profesiaj katalogistoj. Kion vi pensas?

*Rudolf Burmeister*

## Detalaĵoj . . .

**Tatabanya**
En la hungara urbeto Tatabanya, kiu situas sur la vojo inter Vieno kaj Budapesto, okazis meze de majo 1977 E-filatela ekspozicio okaze de la solenaĵoj pro la 20-jara jubileo de la loka E-klubo. Speciala poŝtejo uzis E-stampilon. Húngara filtela gazeto informis pri la afero.

**Islando**
La poŝto de Islando pere de speciala informilo 6/6-77 sciigis pri la speciala poŝtoficejo en la kadro de la 62-a UK de Esperanto en Rejkjavik k prezentas sur la informilo bildon de la speciala memoriga E-stampo.

**1-ŝilinga aŭstra E-pm**
"Hazarde trarigardante special-katalogon de aŭstraj pm mi malkovris la jenan por mi sensacion: Jen en Aŭstrujo en la jaro 1954 krom normala E-pm aperis ankaŭ oficiala nigra preso (germane: Schwarzdruck) surgluita sur la poŝta folio (290x190 mm) kun surskriboj de la aŭtoro Ernst Schrom kaj gravuristo Georg Wimmer. Eldonkvanto: 1 100 ekzempleroj. *= Biesiada =*"

**PILO-PRESS 28/77:**
D-ro J. Kondor, Neuwied (FRG) vendis glumark – ojn "Helpu al la lepruloj" jam por pli ol 5500 gmk. Pli ol 564 gmk li enspezis por la IKUE-glm. (Ĉenstoñova)

**Prezidanto de la ELF-AREK-Klubo:**
Ivar Paulsson, S-171 33 Solna, Algatan 3
*Jara kotizo por 1978:* 15 IRK (al Paulsson)

**Redaktoro de la kluba informilo:**
Rudolf Burmeister, DDR 90 Karl-Marx-Stadt, W.-Wolff-Str. 1,
pk 30-95-39

---

**Karaj geamikoj, renovigu vian kotizon! 15 IRK!**

Jam la jaro 1977 sin klinas al silvestro kaj nia kaso malplene oscedas. Ni petas niajn karajn geklubanojn, kiel eble plej baldaŭ renovigi sian membrecon en nia klubo. Tiel vi tre helpas por la plua ekzistado de nia klubo. 1977 ni deficitis kaj tial la minimuma kotizo por 1978 estas 15 IRK. Nenio malhelpus vin, se vi peros pli al nia amiko Paulsson.

Amiko Richard Wluka, D-3000 Hannover 21, Bremerstr. 8 en FRG estas preta, pagi kotizon por tiuj membroj, kiuj ne povas akiri IRK, se ili sendas al li E-aĵojn egalvaloraj al la kotizo. (E-pm, E-sta, okazaj E-glm, kongres-insignoj, E-diskoj, E-sonbendoj kaj E-libroj, E-vortaroj k -terminaretoj k prospektoj, kompletaj jarkoektoj de E-gazetoj, kongresaj grupfotoj k diapozitivoj de kongresanoj kun indiko pri dato, loko, nomo kaj okazo de la kongreso.)

Antau la alsendo necesas reciproka antaŭa interkonsento!

**!!! Nova E-R-etikedo !!!**
Jam kelkajn monatojn poŝtoficejo en pola Gdynia, Zamenhof-strato uzas R-etikedon kun la surskribo *Zamenhofa.* (Laŭdire en du mezuroj – por leteroj k paketoj)

☆ ☆ ☆

## Al ĉiuj niaj karaj geamikoj

la estraro kaj la redaktoro de ELF–AREK deziras
feliĉan Kristnaskan Feston
kaj
pacan novan jaron 1978
kaj
ĉion bonan!

